// THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXX, No. 373. MAY, 1936.

# NOVA DISDONO

LA DECIDO de la Komitato de Universala Esperanto-Asocio, transigi de Ĝenevo al Londono sian Centran Oficejon, ŝajnas plene akordiĝi kun la spirito de la epoko. Ne ĉiuj niaj legantoj scias tamen, ke oni komencis studi tiun proponon jam antaŭ ol la Estraro de la Ligo de Nacioj decidis, ke la atmosfero de nia metropolo estas pli taŭga ol tiu de Ĝenevo por pritrakti gravan internacian krizon.

**La Nova Direktoro**

Sed la decido havis ankaŭ praktikajn motivojn. La unua, kaj—ĉe Asocio, kiu el financa vidpunkto luktas por sia vivo—certe la plej grava, estas la granda ŝparo de mono, kiu rezultos el la uzado de brita valuto por la ĉefaj elspezoj. La dua estas egale praktika. Havante la oficejon en Londono, oni povos profiti la pretecon de S-ro Cecil C. Goldsmith, akcepti la oficon de Direktoro. Anstataŭ devigi Mahometon iri al la monto, oni venigos la monton al Mahometo, ĉar finfine ĝi estas ankoraŭ nur malgranda monto, kiu esperebIe fariĝos montego post transplantado.

La B.E.A. jam delonge altiradis la envion de la Esperantistoj en ĉiuj landoj pro la solideco de sia organizo kaj pro sia korekte kondukata oficejo, kaj tio sendube estis faktoro, kiu grave influis la gvidantojn de U.E.A., kiam ili decidis proponi al nia ĝisnuna Sekretario la Direktorecon. S-ro Goldsmith mem akiris la estimon de siaj samideanoj tra la tuta mondo pro sia akurateco kaj praktika organiza kapablo. La persistemo kaj optimismo, kiuj estas preskaŭ malvirtoj ĉe li, multe helpos rekrei la iom forfalintan fortunon de U.E.A., kies gajno estas nia perdo.

**La Esperanto-Domo**

Aliflanke, ni ne malatentu la gravan helpon, kiun nia brita movado ricevos el la cirkonstanco, ke nia internacia organizaĵo venis por labori apud ni, kaj pli intime kun ni. La nova aranĝo ankaŭ pliurĝigas la necesecon, kaj samtempe pliproksimigas la eblecon, realigi nian projekton pri Esperanto-Domo en Londono. Aŭtomate la projekto pligrandiĝas, kaj ni nun povas antaŭvidi baldaŭan starigon de vera hejmo de Esperanto en nia ĉefurbo, centro de la movadoj nacia kaj internacia.

Al la nova Sekretario de B.E.A., S-ro R. B. Wilkinson, ni etendas koran bonvenon, kaj antaŭvidas valoran kunlaboron ĉe nia multflanka agado, al kiu li alportas junecan entuziasmon kaj freŝan fervoron.

* * *

**Londona Federacio**

Unu el la lastaj taskoj, kiujn S-ro Goldsmith plenumis kiel Sekretario de B.E.A., estis la realigo de projekto, kiu jam delonge okupis lian atenton, nome la fondo de Londona Federacio, pri kies unua konferenco aperis mallonga raporto en nia lasta numero. Eble la plej interesa fakto tiurilate estas, ke apud la "neŭtralaj" grupoj kunlaboras jam de la komenco kvar filioj de la Brita Laborista Esperanto-Asocio, kaj ke oni atendas la aliĝon de almenaŭ unu filio de Sateb. Ni kredas, ke tio estas cirkonstanco preskaŭ unika en nia movado, kaj ni atendas valorajn fruktojn el la kunagado de la diversaj "aspektoj" de la Esperantismo.

* * *

Parolante pri kunagado, ni ankaŭ konstatas kun ĝojo la kreskadon de tendenco,

pli intime kunligi la Esperantistan movadon kun aliaj movadoj, kiuj serĉas similan celon, eĉ se per iom malsimilaj rimedoj. Unu loka grupo de la International Friendship League starigis interne de si Esperanto-sekcion, kaj sur alia paĝo ni presigas detalojn pri ferioj, kiujn ĝi organizas por junaj Esperantistoj, unu en nia lando kaj unu eksterlande.

**Ni kaj la aliaj**

Ni aŭdis plue, ke la Linguists' Club en Londono projektas la starigon de Esperanto-kurso, kaj ni esperas baldaŭ anonci pluajn gravajn kontaktojn kun aliaj internaciaj organizaĵoj.

---


### THE BRITISH ESPERANTIST.

**Publishers (Eldonistoj):**
THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION,
142, HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1.
*Telephone:* HOLBORN 4794.

**Editor (Ĉefredaktoro):**
FRED WADHAM

**Literary Editor (Literatura Redaktoro):**
MONTAGU C. BUTLER, M.R.S.T.

RATES OF SUBSCRIPTION *(including postage to any part of the world)—Twelve months,* 2/6. *Single copies, Three Penny Stamps. (Free to B.E.A. members).*

ADVERTISEMENT RATES *will be quoted on application to the Secretary of the B.E.A.*

JARABONO: 3 svisaj frankoj. Unuopaj ekzempleroj: po 30 centimoj (aŭ unu respondkupono). Oni sendu manuskriptojn al la Ĉefredaktoro. Li resendos nur tiujn manuskriptojn, kiujn akompanos afrankita koverto, aŭ respond-kupono. Li rezervas la rajton fari korektojn laŭbezone.

MANUSCRIPTS *should be typewritten, and be addressed to* THE EDITOR. *Although care will be taken to return rejected manuscripts, the Editor does not hold himself responsible for loss or damage, nor does he undertake to return manuscripts unaccompanied by a stamped addressed envelope. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned. Matter should be received by the 8th of the month.*

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION *consists of Fellows, Members, Affiliated Groups, and Federations. The Annual Subscriptions are:— Fellows,* 21/-; *Members,* 5/-; *Junior Members (under* 18), 2/6; *Life Fellowship,* £12. 12s. 0d.; *Life Membership,* £5. *(See prospectus).*


## IMPORTANT NOTICE

AS mentioned in the April issue of this journal, following on the death in January of Mr. Robert Kreuz, the Committee of U.E.A. have moved the headquarters to London, and have appointed Mr. C. C. Goldsmith Director. The transfer to London will result in a very material reduction in expenditure.

The Council of the B.E.A. know that members of the Association will join with them in very sincere congratulations to Mr. Goldsmith on his new appointment, and will feel confident that in his capable hands the administration of U.E.A. will rapidly gain in efficiency. It may be added that it is hoped to issue the 1936 *Jarlibro* during June.

To fill Mr. Goldsmith's place as Secretary of the B.E.A. the Council have appointed Mr. R. B. Wilkinson, of Ipswich, and our members will unite in offering him their very best wishes for success in his important office. The appointment takes effect as from May 1st.

The U.E.A. Head Office will be housed in the same building as that of the B.E.A., and it is important that correspondence should be clearly addressed to the particular Association concerned.

A further announcement of great interest is that owing to the increasing success of Mr. Butler's lecturing work in schools, and the consequent additional demands on his time and energy, it has been decided to relieve him of the exacting duty of editing the journal. In his place the Council have appointed Mr. Fred Wadham Editor, as from the present issue, and they are confident that in his hands *The British Esperantist* will remain as useful and essential a part of our enterprise as is practicable under existing circumstances.

Mr. Butler will continue his association with the journal in the capacity of Literary Editor, taking charge of the Book Review section, which is intimately bound up with his work as the Association's Librarian.

It is of interest to add that two new subsidiary posts of a voluntary nature have been created. Mr. M. M. Du Merton, B.A., has been appointed Overseas Secretary, his work being to extend our activities throughout the Empire; whilst Mr. E. D. Durrant, as Foreign Press Secretary, will regularly contribute news of British activities to the Esperanto Press abroad.

P. L. WRIGHT, *President.*
BERNARD LONG, *Hon. Secretary.*




**The Swanwick Congress.**—This Congress, which takes place June 5th–8th, is now nearly here, and applications for membership should be sent in without further delay. The Congress subscription is now 5/–, and The Hayes, Swanwick, although so inexpensive, is a beautiful place in which to stay. Latest adhesions are :—

66. Mrs. J. Reeve, London.
67. B. E. Long, London.
68. Miss E. Norman, Birmingham.
69. Mrs. G. D. Nash, Slaugham Green.
70. G. D. Nash, Slaugham Green.
71. Miss M. Beaumont, Huddersfield.
72. Mrs. H. Warren, London.
73. S. E. Bellati, West Wickham.
74. Mrs. Bellatti, West Wickham.
75. Miss M. Went, Romford.
76. C. Barnes, London.
77. Miss M. Mullinger, London.
78. W. Brown, Inglewhite.
79. Mrs. Brown, Inglewhite.
80. Miss I. C. Fortey, Croydon.

Early in May we shall send to all who have joined the Congress, full details of how to reach Swanwick, with the principal train connections, and bedroom allocations. Join at once, and so help our work, which, at present, is proceeding under unusual difficulties.

**The Jubilee Fund** proceeds steadily towards the goal, contributions received in March being as shown on page 312.

**A Personal Note.**—I sincerely thank all those who have sent congratulations and good wishes to me on my appointment as Director of U.E.A. It seems hard to realise that after ten years in the B.E.A. office, I shall be leaving it within a few days. I am not going far, however—merely a floor below—and I shall be retaining close contact with our Association, as will be seen in the near future.

I take this opportunity of thanking all those who have, by their active and continued support, helped me in my work. I hope that this support will be extended to my successor, Mr. R. B. Wilkinson, in increasing measure. Please remember that he will be new to the work in the office, and, if at first there should be any little difficulties or delays, extend to him reasonable patience and consideration in work which involves far more detail than the average member imagines.

CECIL C. GOLDSMITH.

---

**THREE-YEAR PLAN CUP CONTEST.—Figures on 31st March, 1936.**

| | Quota Points. (*See Jan. B.E.*) | M. | F. | J.F. | G. | Exams. | P' | % |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | OBTAINED. | | | | | | |
| 1. South-Eastern Fed. .. .. | 900 | 17 | 9 | 7 | – | – | 101 | 11.22 |
| 2. Lancs. & Ches. Fed. .. | 1050 | 11 | 9 | 9 | – | 30 | 103 | 9.81 |
| 3. North-Eastern Fed. .. | 475 | 4 | – | 1 | 1 | – | 41 | 8.63 |
| 4. Southern Federation .. | 375 | 6 | 1 | 1 | – | – | 32 | 8.53 |
| 5. Eastern Fed. .. .. | 550 | 5 | 1 | 20 | – | – | 46 | 8.36 |
| 6. S. Wales & Mon. Fed. .. | 275 | – | 3 | – | 1 | – | 23 | 8.36 |
| 7. Overseas .. .. .. | 375 | 4 | 1 | – | – | 6 | 27 | 7.20 |
| 8. South Midland Fed. .. | 450 | 5 | 2 | 1 | – | – | 28 | 6.22 |
| 9. London Fed. .. .. | 1750 | 14 | 13 | 4 | 1 | – | 107 | 6.11 |
| 10. Yorkshire Fed. .. .. | 950 | 9 | 5 | 2 | – | – | 52 | 5.47 |
| 11. Non-Federated Areas .. | 450 | 4 | – | 2 | – | – | 22 | 4.89 |
| 12. Scottish Fed. .. .. | 900 | 4 | 11 | 10 | – | – | 41 | 4.56 |
| 13. Glos. & Som. Fed. .. .. | 400 | 3 | 1 | – | – | – | 16 | 4.00 |
| 14. West Midland Fed. .. .. | 850 | 6 | 2 | – | – | – | 32 | 3.76 |
| 15. East Midland Fed. .. .. | 550 | 1 | 7 | 3 | – | – | 15 | 2.73 |
| 16. Northants Fed. .. .. | 175 | – | – | – | – | – | – | — |
| | 10,475 | 93 | 65 | 60 | 3 | 36 | 686 | |
| Percentage of Total .. .. | .. | .. | .. | .. | .. | .. | .. | 6.55 |

M = New Member of B.E.A.
J.F. = Jubilee Fund.
P. = Points.
F = Friend of Esperanto.
G. = New Group.

Exams.—3 points for Elementary.
6 points for B.E.A. Advanced or R.S.A. Intermediate.

# IN THE CAR

From the 5th to the 27th of March a visit was paid to a number of towns in Lancashire and Yorkshire.

We went on the 5th to the Grammar School, **Chesterfield.** Here a talk was given under difficult conditions ; boys trickled in and out, there were several interruptions, and the audience was halved before the end. Nevertheless, interest was evident, and we hope that our Delegate, Mr. H. Ingham, will be able to keep this alive. Afterwards we met some local Esperantists at the house of the Rev. D. W. Robson. Mar. 5 : Nunthorpe Secondary School, **York.** Audiences of 200 Senior and 200 Junior boys. Some 250 bought books, and our member on the staff, Mr. Bingham, hopes to start a class. Mar. 7–8 : Friends' School, **Wigton.** Here we had the whole school on the Saturday and Sunday evenings, and could not have been given a more courteous or friendly reception. This was a repeat visit.

On the Monday we went to Queen Mary High School for Girls in **Liverpool.** The 200 girls were an inspiring audience. Among the teachers present was an old (*malnova*, not *maljuna*) pupil from the speaker's class in London in past years. In the evening to **Willaston,** where Mr. Jackson has a small but lively class ; the members have nearly finished *Step by Step*, and some will attend the Vienna Congress. Mar. 10 : Grace Ramsden Endowed School, **Elland.** A small but interested group of boys. Thence to Crossley and Porter School for Girls, **Halifax.** Here some 40 girls showed the keenest interest. We hope to go again and have a larger number next time. In the evening to the group ; a happy little crowd, which should make good progress. The same may be said of the group in **Preston,** visited the next evening, and of the group in **St. Helens,** visited on the 12th ; at all three there was evidence of life, though numbers were not large ; some sales at each group, and at two a collection for the Car Fund. Mar. 12 : Juvenile Instruction Centre, **St. Helens.** 180 lads past school age, but still out of work. An interesting but very difficult audience. In the afternoon a repeat visit to Parr Central School, St. Helens. Here 350 boys on Thursday afternoons run their own meeting, the chairman and secretary being chosen by rotation from among the boys themselves. Never before had we had such a barrage of intelligent and thoughtful questions. At this school some 25 boys give up their Thursday afternoon lectures for a voluntary class in Esperanto under Mr. Macdonald, a teacher at the school ; there could be no greater proof of real interest. Mar. 13 : We had 300 in the Girls' H.G. School and afterwards 250 boys in the Boys' H.G. School, St. Helens. In both cases the children were greatly interested, and in both cases the Head has some knowledge of Esperanto. Mr. Griffin of the Boys' School had, in fact, attended the Geneva Congress in 1907, and to both audiences he related some telling anecdotes showing the utility of the language. Mar. 14 : By courtesy of the Director of Education, who very kindly gave us hospitality for two nights, we visited 250 children at Ludford St. School, **Crewe,** and in the evening a public meeting at another school, where we met Mr. E. Lee, Miss Matthews, The Rev. Carter, and other local Esperantists, who have already formed a small local class.

Mar. 15 (Sunday) : A combined meeting of Young People's Adult Schools in **Bradford.** It was decided to arrange a class. Some members of the Bradford Group were present, and will keep in touch. Mar. 16 : **Preston.** In the morning to Trinity Senior School, at which Mr. Howard, an Esperantist teacher, hopes to follow the talk up. In the afternoon to the Grammar School ; 180 boys. Here also a member of the staff has some knowledge of the language. Thence straight to the High School for Girls in **Blackburn,** where 160 Senior girls listened keenly for 1¼ hours after school hours ; a voluntary audience. The Head gave a warm invitation for a repeat visit. Mar. 17 : A public meeting at the Technological College in **Rotherham,** with the Principal, Dr. Clarke, in the Chair. A fine room, and (owing to the efforts of Mr. P. Badash, Mr. E. Gardiner, and other friends) every seat was filled. Most of those present were non-Esperantists. Many names were given in for a class, and in spite of the lateness of the season, we hope for great things. Mar. 18 : Sir Frederick Milner School, **Retford.** Here we had some 100 boys, and (by invitation of the Head) also 30 girls from the Senior Girls' School. In the evening to the group in **Doncaster.** Mar. 19 : 150 children at Thorpe Modern School, **Bradford,** thanks to the introduction given by our member, Miss W. Carter. Thence to the group in **Rochdale,** where we rejoiced to make a number of new friends on this first visit. Mar. 20 : 120

girls in the Junior Department of the Park School, **Preston.** It was a real pleasure to speak to such a happy audience.

*To be continued.*

## ROMFORD SCHOOLS AID ESPERANTO.

### International Fair and Bazaar.

We are all familiar with bazaars of one kind or another—but the International Fair and Bazaar held at the Masonic Hall, Romford, on April 4th, was a departure from the ordinary. It was organised by the Romford Esperanto Society and teachers from several local schools to aid the Esperanto-Domo Fund, and all concerned deserve praise for the way in which it was carried out.

Mr. T. MacPherson, President of the Romford Branch of the League of Nations Union, formally opened the bazaar and spoke of his conviction that our movement could greatly assist towards peaceful understanding internationally.

A realistic touch was provided by greetings from foreign Esperantists, including visitors from Batavia, Estonia and Holland.

Children from local schools provided an excellent variety programme which was thoroughly enjoyed by a full hall. Our Romford samideanoj are to be congratulated on having obtained the active support of such talented non-Esperantists for the furtherance of the Three-Year Plan.

---

Congratulations are due also to the Southend-on-Sea Esperanto Society, whose Bazaar produced £16 for the Jubilee Fund.

It is to be hoped that other Local Societies will follow the excellent example set by our energetic friends in Essex.

## EUROPEAN HERALD

This interesting periodical in six languages is once more appearing regularly every fortnight.

Recent issues have contained leading articles by The Rt. Hon. David Lloyd George, Mr. G. K. Chesterton and The Very Rev. Dr. W. R. Inge, with translation in French, German and Esperanto.

## THE LONDON ESPERANTO RAMBLING CLUB

announces the following fixtures for May:—3rd, Kent, led by Mr. F. Allen; 17th, Surrey Hills and Heaths, led by Mr. Fred Wadham. Visitors (including non-Esperantists) are welcome.

Particulars of these rambles, and information regarding the Club, may be obtained from the Hon. Sec., Mr. H. W. Chant, 242 Westward Road, E.4.

## A NEW KIND OF HOLIDAY FOR YOUNG ESPERANTISTS

For some time past younger Esperantists and "Lernantoj" have, owing to very limited means, been unable to prove fully the practical utility of the language by using it abroad. At last a really "Esperanto" holiday that will suit even the pockets of those with the most modest of incomes has been made possible.

The holiday, which is arranged by an Esperanto Group of the International Friendship League, will take the form of a visit to Brussels.

The party will leave London on Saturday, August 15th, returning on Saturday, August 29th. During the two weeks' stay the visitors will be taken on sight-seeing tours and generally entertained by Belgian Esperantists. An invitation is being extended to French, Dutch and Swiss Esperantists to join the party and make the holiday really international.

The complete cost of the holiday, including fare, food and accommodation for the two weeks, will be £5. 17s. 6d.

---

A similar scheme has been organised for the benefit of Esperantists from abroad visiting England. The centre will be in Rubery, a beauty spot situated at the foot of the Lickey Hills. It is intended primarily for young people from abroad, but a limited amount of accommodation will be available for English people.

Here a considerable number of young Esperantists from Birmingham and Bournville will be ready to welcome all visitors. Many excursions, including a visit to Cadbury's Chocolate Factory, have been planned.

The Centre will be open from Saturday, July 11th, until July 25th, the cost for food and accommodation being £1. 8s. 6d. a week.

All enquiries regarding both of these holidays should be made to F. E. H. Jaegermann, 82 Henslowe Road, London, S.E.22.

## AS SHE IS WROTE.

The following announcement was found in a Brussels hotel:—

BREAKFAST 6.5 FRANKS.

Customers are obligded to inform the Direction of the hotel whether they keep one's room or not. Customers who didn't so will be obligded to pay for her for the following nicht.

# CENT EL CENT

aŭ

# BATALO POR POKALO

---

PLENKVOTA RAKONTO PRI LA TRIJARA PROJEKTO

Verkita de
ERMYNTRUDE TWADDLE

### 5. "INTER POKALO KAJ LIPOJ."

Estis belega tago en Septembro, kaj la puraj, blankaj, delikataj lilioj kuŝis . . . kie ili kutime kuŝas je tiu sezono de la jaro.

Efektive Septembro estas la naŭa monato de la jaro, do laŭ S-ro Pendlebury (kiu antaŭ multaj jaroj verkis aritmetik-libron kaj poste mortis) la fino de la jaro alproksimiĝis.

Apenaŭ necesas diri, ke la tri federacioj, M.B.E.F., M.E.F., kaj M.L.E.F., okupis la suprajn tri poziciojn en la kvota listo de la federacioj—kaj neniu malbonvolis pri tio, ĉar ili tiom glore laboradis por la bono de la movado.

Efektive, estis sabato, kaj, krom tio, tago de la Konsilantara Kunveno de B.E.A.

Jam troviĝis multaj konsilantoj en la kunvenejo, kaj, atendante la alvenon de la Prezidanto, ili diskutis inter si la taŭgan lokon, grandecon, k.t.p., de la baldaŭ aĉetota Esperanta Domo.

Aŭdiĝis gajhumora rideto ĉe la pordo de la ĉambro, kaj envenis la heroino de M.B.E.F.—Eileen.

Iom pala ŝi estis pro la peza laboro farita, sed ŝiaj okuloj brilis.

Tio estis afero komprenebla, ĉar tiumatene ŝi vizitis B.E.A. oficejon kaj transdonis al la sekretario plenmanon da aliĝiloj.

Nu, ĉe la konsilantara kunveno la sekretario sendube anoncos la ĝis-datajn poziciojn de la federacioj, kaj Bob kaj Billy ricevos neatenditan surprizon !

Estis vere iom enuiga la maniero, laŭ kiu ili obstine persistis en la kol-kontraŭkola konkurado . . . sed nun !

Kiel mi jam diris, ŝi ridetis.

Apenaŭ ŝi sidiĝis, kiam envenis Billy. Ankaŭ li montris gajan vizaĝon kaj lia rideto ŝajnis havi specialan signifon.

Efektive, iom antaŭ tagmezo li vizitis B.E.A. oficejon kaj transdonis al la sekretario plenmanon da aliĝiloj. . . .

Aŭdiĝis tondra bruo ekster la pordo, kaj, blovante kiel vapormaŝino, envenis Bob, kun larĝa rido sur la vizaĝo. Li venis rekte de B.E.A. oficejo, kie li sukcesis intervjui la sekretarion ĝuste antaŭ la fermo de la oficejo.

Ĉu necesas klarigi la celon de la intervjuo ? . . . Ne ? . . . Bone, do !

* * *

Post kvaronhoro alvenis la Prezidanto kaj oficistoj de B.E.A., kaj tuj la Prezidanto malfermis la kunvenon.

Sekvis laŭ la tagordo, la legado de protokoloj, raporto pri financaj kaj komercaj aferoj, raporto de la sekretario por Edukado, balotado pri dekkelk fratuloj kaj tiam. . . .

"Tri-jara projekto — raporto !" kriis la Prezidanto. "Nia sekretario raportos pri la ĝishodiaŭa sukceso de la projekto, kaj mi avertas vin pri granda surprizo."

Eileen, Bob, kaj Billy rektiĝis en siaj seĝoj kaj kun malfacilo penis aranĝi la vizaĝojn por montri ridetojn, kiuj samtempe estu fieraj, feliĉaj kaj modestaj.

La sekretario stariĝis, kaj kun plezuro rigardis la belaspektan geviraron, kiu formas la Konsilantaron de B.E.A.

"Estimataj gesamideanoj !" li diris. "Mi apenaŭ scias, kiel esprimi la ĝojon, kiun mi sentas pro la eksterordinara sukceso de la tri-jara projekto. Kvankam Septembro nur komenciĝas, la atingita procento de la kvoto por la tuta lando por la nuna jaro superas 80. (Grandega aplaŭdo).

"Kompreneble tian rezulton ni akiris nur per la tutkora kunlaboro de ĉiu samideano, kaj mi dubas, ĉu iu alia organizaĵo havas tian bonkvalitan membraron.

"Elstara estis la laboro precipe de tri federacioj, ĉiu el kiuj atingis pli ol 90% de sia kvoto. Mi aludas, kompreneble, al M.B.E.F., kiu atingis 92.5% (aplaŭdo), M.E.F. kiu atingis 92.1% (aplaŭdo) kaj M.L.E.F. kiu atingis 91.8% (aplaŭdo).

"Kvankam ni estas treege kontentaj pri la atingo de tiuj ciferoj, tamen, ni estas eĉ pli kontentaj pri la mirinda propagando por Esperanto, kiun faris la tri federacioj (daŭra aplaŭdo).

"La konkurado inter la tri federacioj varmigis mian koron, kaj vi, sendube kiel mi, rimarkis la triumfan rideton, kiun fraŭlino Tinifilino direktis al sinjoroj Murreigh kaj Wagger antaŭ unu minuto, kiam mi anoncis la ciferojn (laŭta ridado).

"Ĉiu el la tri meritas la arĝentan pokalon, kaj mi tutkore esperas, ke dum la venonta venonta jaro unu el ili gajnos ĝin.

"Mi diras 'dum la venonta jaro,' ĉar mi ĝojas sciigi al vi, ke la Easthamptonshire Federacio—la plej malgranda federacio el el ĉiuj—jam akiris sian plenan kvoton."

Dum momento sekvis absoluta silento—tiam tondra aplaŭdo.

Je ricevo de la terura frapo, Eileen, Bob kaj Billy sentis fortan ĉagrenon, sed, kiel veraj sportuloj, ili akceptis venkon per rideto kaj aplaŭdis la venkinton.

La sekretario daŭrigis sian paroladon. "Mi bedaŭras, ke la sekretario de la Easthamptonshire Federacio ne povas ĉeesti nian kunvenon hodiaŭ, sed mi deziras legi al vi parton de la letero, kiun mi ricevis de li antaŭ du tagoj.

'Estimata Sekretario,

Kiel vi scias, nia Federacio jam atingis nur 50% de sia kvoto por la nuna jaro ; sed ĉi kune mi sendas al vi aliĝilojn por ankoraŭ 7 membroj kaj 30 "Friends." La kotizojn mi ankaŭ sendas, kaj al ili aldonas £10 por la Esperanta Domo.

Vi sendube ege surpriziĝos, leginte ĉi tiun leteron, sed ne pli ol mi surpriziĝas, skribante ĝin.

Jen kio okazis. La loka komitato de la Unuiĝo por la L. de N. organizis aŭtoĉaran ekskurson al Litford en Litfordshire lastan monaton, kun celo ebligi al sia membraro ĉeesti la 'Modelan Kunvenon de la L. de N.', kiun aranĝis la Mezlanda Esperantista Federacio.

Nu, la Uniuĝo havas tre grandan kaj fortan branĉon ĉi tie, kaj pli ol 200 personoj faris la ekskurson.

La kunveno tiom impresis ilin, ke tuj post reveno ili petis mian helpon por aranĝi kursojn kaj studrondojn.

Jen, do, la rezulto . . .'."

La sekretario flankenmetis la leteron. "Do sian sukceson la Easthamptonshire Federacio ŝuldas grandparte al M.L.E.F."

* * *

Li daŭrigis la parolon, kaj poste aliaj aferoj diskutiĝis dum la kunveno, sed mi bedaŭras diri, ke ili ne multe interesis al Eileen, Bob kaj Billy.

Post la kunveno ili kune trinkis teon en apuda restoracio.

"Nu !" ĝemis Bob. "La edzino devos atendi ankoraŭ unu jaron !"

Du !" diris Billy. "Ĉar sendube ni gajnos la pokalon dum la venonta jaro."

"Ba !" ekkriis Eileen. "Mi superis vin nunjare, kaj same mi faros dum la venonta jaro !"

Denove iliaj okuloj brilis, kaj ili grincigis la dentojn. Tiam ili ridetis, levis la tasojn kaj tostis :

"Sukceson dum la venonta jaro !"

FINO.

## FEDERACIA.

**Eastern.**—Proksima Konferenco, sabaton, 9 majo, ĉe St. Andrew's Hall, Cotleigh Road, Romford. Kunveno 3.30, teo 5.0, dancado 7.30. Biletoj 2/- (aŭ 1/6 sen teo).

**East Midland.**—Nova prezidanto: S-ro Noel Wooding, Leicester. Diservo okazis 5 apr. en Nottingham. Predikis Pastro Robson el Chesterfield. Konferenco okazis 25 apr. en Nottingham.

**Gloucester and Somerset.** — Nova Sek.: F. Buckley, 82 Pendennis Park, Brislington, Bristol. Oni energie prilaboras la Dometon kaj tendejon en Bleadon, Weston-super-Mare, prepare por la akceptado de samideanoj dum la somero. La Sekretario invitas malpezajn kontribuaĵojn por "La Bulteno."

**Lancashire and Cheshire.**—Ĉe januara konferenco en Liverpool, Prof. W. E. Collinson rakontis pri la disvolviĝo de la movado en tiu urbo. Oni faris edziĝan donacon al S-ino A. Dean (n. Agnes Hogg).

**South Wales.**—Nova prezidantino: F-ino M. Morgan, 5 Lower Vaynor Road, Cefn Coed, Merthyr Tydfil. Swansea estis la konferenca urbo 25 apr.

**Yorkshire.**—Sukcesa konferenco en York, 4 apr., kun reprezentantoj de 14 lokoj. Proksima konferenco en Harrogate, verŝajne en jul.

## LOKA.

**Birmingham.**—Nova kunvenejo: Shakespeare Rooms, 174 Edmund Street (apud stacidomo Snow Hill). 22 majo, S-ro F. Goodliffe pri "Estonto de Transportsistemo."

**Croydon.**—Kunvenoj dum somero lunde, 7.30, ĉe F-ino Fortey, 18 Fairfield Road.

**Glasgow.** — Novaj Sekretarioj: F-ino A. McFarlane, 314 Dumbarton Rd., kaj F-ino Jean Macgregor, 46 Ashdale Drive, Mosspark.

**London Club.**—Nova Kunvenejo: Fred Tallant Hall, Drummond St., Euston, N.W.1. Kunvenoj vendrede je la 8a (teo de la 6a). 8 majo, Inaŭgura Vespero.

**London.**—**Diservo** en Esperanto 10 majo, 3.30 en la preĝejo St. Ethelburga, 72 Bishopsgate. Parolos S-ro A. Krolenbaum. Solkantos F-ino S. E. Iveson.

**London, Willesden Green.**—Sukcesan kurson laŭ parola metodo gvidis S-ro Brown Ross en la domo de Ges. Teffler. Oni esperas rekomenci lecionojn en sept.

**London, Fleet St Parliament,** St. Bride's Institute, London, E.C.4. Dum ĵusaj demandtempoj en kunvenoj de ĉi tiu imitparlamenta klubo, S-ro R. M. Titmuss, Liberala Gvidanto, priparoligis Esperanton, vigle apogante nian lingvon.

**Long Eaton.**—3 majo, Rad-Rondo renkontiĝos 11.30 ĉe Wilsthorpe Lane, kruciĝo kun Derby Road, por esplori "Depths of Lumb" apud Duffield.

**Manchester.**—Fondiĝis antaŭ ses monatoj "The Manchester and District Esperanto Union" por renovigi la preskaŭ senvivan movadon en la distrikto. Tri novaj grupoj: Fallowfield, South Manchester kaj Prestwich; kaj unu malnova: Stretford, kune formas la Unuiĝon. Fruktodona laboro estas jam farita rilate al lokaj ĵurnaloj kaj bibliotekoj. Oni invitas izolulojn turni sin al la Sekretario, S-ro L. Hesling Addie, 51 Brompton Road, Manchester 14.

7 majo, ĉe Manchester Social Club, Lower Mosley Street, S-ro Sydney Marsden, B.A., parolos pri: "La Edukado laŭ Socialista Vidpunkto."

**Nelson.**—Nova Sek: J. Summersgill, 1 Pont St.

**Newcastle-on-Tyne.**—5 majo, parolado de S-ino E. Hornsby.

**Nottingham.**—7 majo, "Ĉu objekto, ĉu besto, ĉu homo." 21, Vespero por la Junuloj.

**Oxford.**—5 majo, Infanaj Rimaĵoj; 12, Parolado de S-ro R. Scott; 19, Sociala Vespero; 26, Rakontetoj.

**Paisley.**—Sukcesa kurso ĉe Grammar School finiĝis per elementa ekzameno. Vagadoj: 5 majo, Durrochstock; 12, Crookston; 19, Craigenfeoch; 26, Rouken Glen. Rendevuo: 5 George Place, 7.30 vesp.

**Preston.**—Nova Sek.: T. Livesey, 11 Studholme Ave., Penwortham.

**Sheffield Central Club.**—27 mar., la altgradaj lernantoj sukcese prezentis *Boks kaj Koks.* 8 majo, Alparolo de S-ro H. J. Clayton; 30, Vagado.

## CLASS.

**London, E.C.1.**—Summer Term Conversational Class just started at John Woolman Educational Settlement, Roscoe St. (near Old St., Broad St., Moorgate), Mondays, 7.30–9.30. Fee 2/6. Visitors and new students welcome.

## LA PSIKA ESPERANTISTA LIGO.

En aŭgusto de la antaŭa jaro fondiĝis sur la teritorio de la lingvo Esperanto, nova societo, kiu petas humilan lokon flanke de la multaj jam ekzistantaj asocioj.

Dum la ĝis nun fonditaj societoj aplikas Esperanton ĉefe por la materia, praktika kaj ideala bezonoj de la homo, la nova societo intencas kulturi per ĝi speciale ĝian psikan, spiritan flankon.

Ĝi estas la "Psika Esperantista Ligo." Administranto estas S-ro A. W. Thomson, 35 Dallin Road, Bexleyheath, Kent, poŝta monomarka adreso BM/AVOTO, London, W.C.1.

## THINGS THEY SAY.

Southend, however, for all its position as champion pier town of the Empire, is no jingoist resort. Its guide book invites the visitor in seven languages.

At Easter, for instance, you can choose whether you prefer your hockey festival to be known as concours de hockey, Hockey-Festspiele, Hockey Feest, Festa dell' Hockey, Festival del Juego de Hockey, or—but there is no hockey for the Esperantist, though he can join in the local Esperanto Societo meetings at the Palace Hotel any time between Oktobro and Majo.

There is also an Esperanto Klubo that meets frequently during the plej granda parto of the vintro months.

The object of my journey is not the learning of Esperanto though I imagine that once having learned it life would hold an extra attraction—if you could find somebody to talk in it to.

Spike Hughes in the *Daily Herald*




## ESPERANTA RADIOPROGRAMO—MAJO, 1936.

| Tago kaj Dato. | | Horo. | Stacio. | Ondlongo. Metroj. | Potenco. Kv. | Programo. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **Dimanĉo:** | 3, 10, 17, 24 | 09.15–09.45 | Lille | 247 | 5 | K.P. |
| | 10 | 10.15–10.45 | Motala | 1389 | 150 | P. |
| | 17 | 21.30–22.00 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 3, 10, 17, 24 | 22.20–23.00 | Leningrad | 1224 | 100 | P. |
| | 10, 24 | 22.40–23.10 | Hilversum | 1875 | 100 | P. |
| **Lundo:** | 4, 11, 18, 25 | 18.30–18.40 | Sottens | 443 | 25 | K. |
| | 4, 11, 18, 25 | 18.30–18.45 | Lyon | 215 | 25 | K. |
| **Mardo:** | 5, 12, 19, 26 | 18.00–18.10 | Moravska-Ostrava | 269 | 11 | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 18.20–18.40 | Hilversum | 1875 | 100 | K. |
| | 5, 12, 19, 26 | 20.00–20.10 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 21.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 21.45–22.45 | Rio de Janeiro PRF | 31.58 | 15 | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 22.50–23.20 | Leningrad | 1224 | 100 | P. |
| **Merkredo:** | 6, 13, 20, 27 | 14.00–14.25 | Paris PTT kaj relajsoj | 432 | 120 | K. |
| | 6, 13, 20, 27 | 18.30–18.45 | Moravska-Ostrava | 269 | 11 | K. |
| | 6, 13, 20, 27 | 18.35–19.00 | Wien kaj relajsoj | 506 | 100 | K.P. |
| | 6 | 22.15–23.15 | Praha kaj relajsoj | 470 | 120 | Esp. Horeto. |
| | 27 | 22.15–22.30 | Praha | 470 | 120 | P. |
| | 6, 13, 20, 27 | 22.50–23.20 | Leningrad | 1224 | 100 | P. |
| **Ĵaŭdo:** | 7, 14, 21, 28 | 21.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |
| **Vendredo:** | 1, 8, 15, 22, 29 | 19.40–20.00 | Nice-Juan-les-Pins | 240 | 2 | P. |
| **Sabato:** | 2, 16, 30 | 17.10–17.25 | Hilversum | 1875 | 100 | P. |
| | 9, 23 | 18.10–18.40 | Hilversum | 301 | 60 | P. |
| | 2, 9, 16, 23, 30 | 18.30–18.45 | Moravska-Ostrava | 269 | 11 | K. |
| | 2, 9, 16, 23, 30 | 19.05–19.20 | Roma kaj ĉiu itala stacio | 420 | 50 | P. |
| | 2, 16, 30 | 20.05–20.15 | Lyon-la-Doua | 463 | 90 | P. |
| | 2, 9, 16, 23, 30 | 21.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |

**KODO**: **P**=Parolado. **K**=Kurso.

### PRINTEMPA GESTO.

Nun estas ĉe ni helaj vesperoj, kaj eksterdomaj interesoj logas. Por la plej-multo la radio ne estos tiel ofte uzata dum kelkaj monatoj kiel ĵuse.

La printempo tamen estas bona tempo por fari dankon al la stacioj, kiuj elsendis Esperanton dum la forpasinta sezono. Estus tre bone, se ĉiu radiulo sendus skribaĵon, kaj samtempe esprimus la esperon, ke estonte la stacioj daŭrigos kaj eĉ pligrandigos la uzon de nia lingvo. Do, grupoj kaj individuoj, amase faru vian "printempan geston."

Ĵus alvenis statistiko pri skribaĵo ricevitaj de la ĉeĥaj stacioj. El 31 landoj venis 4125 skribaĵoj dum 1935, inter kiuj estis 264 el Anglujo. Ne malbona nombro—sed, ni staras nur en la kvina loko en la listo! Francujo estas ĉe la supro, kun la cifero 976. Tio bone montras, kiel agemaj estas niaj transmaraj samideanoj. Ni penu egaliĝi kun ili en amika rivaleco!

### "REĜO DE ALUMETOJ."

Por la Esperanta Horeto la ĉeĥaj stacioj prezentos al ni ĉi-monate la supretitolitan Radioludon de Mila Kolar. En ĉiu Horeto niaj ĉeĥaj samideanoj prezentas al ni unuarangajn programojn, fakte la plej bonajn inter la Esperantlingvaj elsendoj, kaj la "Reĝo de Alumetoj" certe egalos la ceterajn.

Krom ĉi tiu serio, estas la interesa Ciklo: Ĉeĥoslovakujo Laboranta, kies VII-a numero prezentiĝos la 27an. Aldone al tio estas la ĉiu-semajnaj elsendoj de Moravska-Ostrava pri la Ostrava Regiono. Tiu stacio ĵus komencis novan kurson por komencantoj ĉiun merkredon kaj sabaton.

### LENINGRAD.

Ĉi tie estas plia sukceso. Anstataŭ dufoje semajne oni nun elsendas trifoje. La temoj estas variaj. Interalie junuloj, membroj de fabriksindikatoj aŭ kolektivoj ofte faras interesajn priskribojn de siaj vivkondiĉoj.

### S.O.S. EL WARSZAWA.

Niaj polaj samideanoj avertas, ke la daŭrigo de la elsendoj de Warszawa estos en danĝero (ŝajne oni ne elsendos Esperante dum majo), se sufiĉaj ricevatestoj kaj dankoj ne venos. La verda standardo devas nepre esti tenata en vigla flirtado en la naskiĝlando de nia Majstro!

E. D. DURRANT,
*Hon. Radiosekretario.*

# OUR BOOKSHELF

*Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A., but from the address given.*
*POSTAGE EXTRA.*

***Kiel Fariĝi Kreanto Facile kaj Rapide.**—*Eseoj de Petro Den. El la ĉeĥa tradukis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj.* 230 *p. Bind.* 5*ŝ.*

Vidante la vivon kiel serion de eksperimentoj, el kiuj nur la sukcesaj estas kreaj, la aŭtoro provis formuli teorion pri la leĝoj de la kreado, kun la celo helpi al la homoj konstrui pli perfektan mondon.

Farante krean eksperimenton, oni devas izoli du eksperimenterojn, kiuj estu kontraŭecaj, sed kiuj tamen enhavu ian komunan faktoron. La eksperimenteroj sin kontraŭstaras kiel la pozitivo—la negativon, la viro—la virinon, la progreso—la konservemon, la produktanto — la konsumanton. La pozitiva elemento rigardas al la estonteco, la negativa al la estinteco ; la pozitivo celas la unuecon, la negativo—la diversecon. Krea eksperimento faras ekvilibron, harmonion, inter la du eroj, kiuj per tio perdas siajn karakterizajn trajtojn kaj kunfandiĝas en novan, tute proprakarakteran tuton. La sukceson de la krea ago kondiĉas la ekzisto, en ĝusta kvanto, de ia eraremo, ia pekemo ; per ĉiu sukcesa eksperimento oni iom malpliigas la eraron, la pekon, kaj samgrade alproksimiĝas al la perfekteco.

Detale eksponinte la teorion, helpe de analogia rezonado, Petro Den prove aplikas ĝin al konsidero pri iuj gravaj problemoj de la nuntempa mondo ; per ĝi li esploras la rilatojn inter la milito kaj la paco, inter la regantoj kaj la regatoj, kaj inter la scienco kaj la arto.

Povas esti ke la teorio en si mem nemulte valoras, sed oni rajtas senhezite rekomendi la verkon kiel tre interesan provon de unu homo ekvilibrigi siajn diversecajn ideojn en la kadro de filozofia leĝaro.

La nomo de la eldonfirmo garantias pri la ĝenerala kompetenteco de la traduko ; nur pri detaloj de lingvo-uzo oni povus disputi.

ALEC VENTURE.

***"Home-Student" Records.**—*Set of Six records in an album,* 10/-. *Postage* 6*d. extra. Textbook* 6*d. extra.*

This set of records undoubtedly meets a long-felt want, that is, of a set which is adequate in every way, and yet cheap. The low price is due to the fact that the records are traced on a celluloid-like disc superimposed on a pliant fibre-board base. This, however, makes them safe to handle and they may be dropped on a concrete floor without suffering the slightest damage.

The matter contained on the records consists of the majority of the exercises in the *Esperanto Home-Student,* a concise "non-grammarian" textbook which I have been using for some time for correspondence courses with satisfactory results. I have carefully checked the records with the textbook and have been unable to find a mistake.

The pronunciation of both Mr. and Mrs. Wadham, who recorded, is excellent, and if the latter suffers slightly in comparison with her husband it is because his voice is of exactly the right strength and tone for recording, and he distributes his sounds a little more evenly. With the aid of these records any intelligent person who possesses normal powers of imitation should not fail to acquire a first-class pronunciation.

I have no hesitation in recommending the set, not only to learners, but also to those who have been speaking Esperanto so long that they have dropped their habit of listening to their own pronunciation.

W. A. G.

***El la "Verda Biblio."**—*De I. Lejzerowicz. Ilustris R. Laval. Eldonis Literatura Mondo, Budapest.* 104 *p. Broŝ.* 1*ŝ.* 6*p.*

Amuzaj alegorioj pri nia Movado, verkitaj laŭ la stilo de la *Malnova Testamento.* En tiu ĉi libreto ĉiu "eminentulo" kaj ĉiu institucio facile rekonas sin sub plej maldika masko. Iuj legantoj sendube trovos la verkon blasfema, sed ni estas certaj, ke ĝi ne estas tia laŭ intenco.

Interesa kaj sprita aldono estas "Babiladoj kun Horaĉo Ŝercer."

F. W.

**Espero Internacia.**—*Himnokolekto el la angla lingvo tradukita de F-ino A. E. Beatty.* 65 *cendoj afrankite, ĉe Christian Home Orphanage, Council Bluffs, Iowa, U.S.A.*

Kolekto de 240 himnoj kun muziko, el la speco konata sub la nomo *Moody kaj Sankey.* Ne havebla ĉe B.E.A.

**Libervola Civila Helpservo Internacia.**—Ilustrita broŝuro kun raportoj pri la agado de la samnoma organizaĵo. Antaŭparolo de Edmond Privat. Ricevebla kontraŭ unu resp. kup. de Julio Gilliard, rue des Granges, Neuveville (J.B.), Svislando.

**Kalendaro por 1936.**—10 ekz., 0.25 guld. Int. Cseh-Instituto de Esperanto, 172 Riouwstraat, Hago.

# EKSTERLANDA KRONIKO

## HUNGAROJ FUNEBRAS S-INON BLAISE

La Hungarlanda Esperanto-Societo en Budapeŝto aranĝis la 6an de decembro esperantistan junularvesperon por la memoro de Margaret Lily Blaise. La memorparoladon faris Elek Tolnai; el la poemoj de S-ino Blaise deklamis Julio Baghy. Kantis, deklamis aŭ fortepianludis ankoraŭ Agi Tolnai (12-jara), Klara Varma Bano (5-jara), Julio Baghy (10-jara, filo de la verkisto) kaj Antonio Münnich (12-jara, nepo de parlamenta deputito Eber). La prezentado bonege sukcesis.

## LA ESPERANTO-DOMO EN ARNHEM

anoncas la jenan programon por la somero de 1936 :—

Libertempado de brita geesperantistoj, 25 jul.–1 aŭg. Kurso pri "La Esperanta Literaturo" gvidota de Sigismundo Pragano, 25 jul.–1 aŭg. Internacia perfektiga kurso, gvidota de Andreo Cseh, 3–8 aŭg. Seminario por Cseh-metodaj instruistoj, 10–15 aŭg. Internacia rondvojaĝo tra Nederlando, kun centro en Arnhem, 17–22 aŭg.

Adreso por aliĝoj kaj informpetoj : Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.

## KURSOJ EN DANLANDO.

Dum la lastaj jaroj nia movado treege disvastiĝis en Danlando. En urboj kaj en vilaĝoj okazis kursoj. La Esperantistaro estas relative granda, sed la "gravuloj," t.e., la ministraro kaj la radio ne multe atentas nin. Por servi al la progreso de Esperanto kaj por doni al eksterlandanoj favoran okazon viziti Danlandon, kie oni momente povas pasigi agrablan ferion tre malmultekoste pro la malalta valoro de nia mono, Gesinjoroj Stig B. Skole, "KORNMOD," Silkeborg, aranĝos kursojn, en kiuj partoprenos homoj el multaj landoj.

De 3 majo ĝis 31 julio estos 3-monata kurso, kiu kostas nur 70 danajn kronojn aŭ 23 nederlandajn guldenojn. De 10 ĝis 19 julio kaj de 22 ĝis 31 julio estos 10-tagaj kursoj, kiuj kostas nur po 40 kronoj aŭ 13 nedl. guldenoj. En la kursoj instruos eminentaj instruistoj el sep landoj.

Silkeborg situas en la mezo de Jutlando inter arbaroj kaj belaj lagoj. Ĝi estas "La perlo de Danlando."

Skribu pri programo kaj detalaĵoj al S-ro Stig B. Skole, Internacia Lernejo Akademio "KORNMOD," Silkeborg, Danlando.

DANO.

## BRITA VESPERO EN PARIZO.

De multaj jaroj la Pariza Grupo Esperantista kunvenas regule ĉiuvendrede en la fama "Sorbonne."

Lastan jaron, la Grupo sub la Prezido de S-ro Jean Couteaux estis organizinta sukcesajn vesperojn pri Svedujo kaj Italujo, kaj nia konsilantaro decidis organizi ankaŭ britan vesperon la 20an de marto.

Ni do invitis S-ron Goldsmith kaj S-ron Wadham paroli antaŭ niaj membroj. Pli ol ducent personoj ĉeestis sub prezido de Intendanta Generalo Bastien, Prezidanto de U.E.A., kaj la amfiteatro estis superplena.

Post la paroladoj, pluvis la demandoj pri plej diversaj temoj. Ili trafe respondis al ĉiuj ! Speciale interesis nin la organizo de paroladoj en lernejoj. Ni tre certe ricevos valoran informon de tiu bona ekzemplo.

La filmoj afable pruntedonitaj de Sinjoro Noble Hall, Direktoro de la Brita Turisma Oficejo en Paris, estis bonegaj; unu montris Londonon, la dua Lancashire ĉe Laboro.

Ni esperu, ke tiu interesa kunveno ne estos izolita fenomeno. Kiam Londonanoj venos al Paris, ili ne forgesu viziti nin kaj ili alportu al ni freŝajn informojn pri la progresoj de nia kara afero en sia lando.

Ĉu ĝis baldaŭ ? G. WARNIER.

## PRELEGO PRI BRITUJO EN DUNKERQUE

Kvazaŭ responde al preleg-vojaĝo en Anglujo de S-ro P. Benoit, Prezidanto de la Esperanto-Grupo en Dunkerque kaj Malo (Norda Francujo), ĉi tiu grupo ricevis la 21an de marto viziton de S-ro Fred Wadham, Brita Ĉefdelegito, kaj invitis lin fari, en Esperanto, por kvindeko da progresintaj anoj, prelegon sub la titolo : "Kion devas scii vizitonto al Britujo."

La prelego okazis en la sidejo de la Fotografia Asocio, unu el la multaj lokaj kulturasocioj, kiuj bonege rilatas kun la Esperanto-Grupo. Membroj de la Asocio helpis ĉe la projekciado de belega filmo pri Londono, kiun S-ro Wadham komentariis en Esperanto.

Eksterordinare plaĉis al ĉiuj la temo, la perfekta prononco kaj la humorplena maniero de la parolanto. La Grupo ĝoje bonvenigus pluajn interesajn parolontojn britajn. Ankaŭ ĉiuj aliaj samideanoj—eĉ komencantoj—estos amike akceptataj, se ili informos antaŭe pri sia alveno al la simpla adreso : Esperanto, Dunkerque, Francujo.

E. HOUZÉ.

# THE ESPERANTO STUDENT

*In recording with profound regret the fact that Mr. W. Severn has been obliged, through pressure of other labours, to give up the editorship of this page, we take the opportunity of thanking him sincerely for the able work he has done as its editor for the past ten years. His work has been very helpful, and greatly appreciated, and it will not be easy to fill his place.*

*It is proposed meantime to make the contents of the page varied in character, and to provide sometimes matter useful for the beginner, and sometimes matter suitable for the advanced student. Suggestions and ideas would be welcomed. In this and the succeeding issue we shall reprint some paragraphs from the last edition of the work* "Travivaĵoj de Ro Ŝo." *Although these are from the pen of Mr. Richard Sharpe, they were seen and approved by Dr. Zamenhof, and may be regarded as supplementary to the* "Lingvaj Respondoj."—*Ed., B.E.*

Al tiuj, kiuj havas okulojn kaj volas vidi, kiuj havas orelojn kaj volas aŭdi, mi donos amikan konsilon:

Penadu, kiom eble, atingi unuecon, kiel pri la prononco, tiel ankaŭ pri la vortaro kaj esprimmaniero. Estu Zamenhofaj ĝisoste, kaj ne lasu, ke vin forlogu el via ĝisosteco nezorgaj verkistoj, kiuj spite de siaj bonaj intencoj tamen dissemas erarojn. Legu la verkojn de Zamenhof, la plej sperta Esperantisto el ĉiuj. Zorge notu, kion li diras kaj kion li evitas. El du malsamaj vortoj aŭ esprimoj eltrovu la Zamenhofan kaj flankelasu la duan. Ĉion, kion faris Zamenhof, li faris post zorga meditado.

En la antaŭparolo al la kvina eldono de "Fundamenta Krestomatio" ni legas:

> "Ĉar la Krestomatio enhavas tre grandan kvanton da materialo, kiu estis verkita en diversaj tempoj kaj de diversaj aŭtoroj, tial ne estas mirinde, ke en la libro troviĝas kelkaj vortoj aŭ esprimoj, kiuj ne en ĉiuj lokoj sonas absolute egale (ekzemple: *Jesuo* kaj *Jezu, Kanadujo* kaj *Kanado*, iri *returnen* kaj *returne* k.t.p.). Ĉar ne venis ankoraŭ la tempo, por diri la lastan vorton pri tiuj dubaj formoj, tial mi preferis ne tuŝi tiujn duoblajn formojn, sed rigardi *ambaŭ* formojn kiel egale bonajn kaj uzeblajn laŭ la libera elekto de la uzantoj.—L. L. ZAMENHOF, Junio, 1907".

Tre bone, sed nun pasis ses *jaroj*, kaj Zamenhof ĉiam uzas *nominativon;* ĉu tio ne klare montras, ke li *preferas* "renkonte" kaj "returne?"

*Ambaŭ.*—Ne diru "ambaŭ mi kaj mia frato", "ambaŭ antaŭe kaj malantaŭe", "ambaŭ en vintro kaj en somero". La latina vorto "ambo" signifas "both"; "et—et" (esperante kaj–kaj) signifas "both—and". Do diru "kaj mi kaj mia frato", aŭ "kiel—tiel ankaŭ". Ekz: "kiel en vintro, tiel ankaŭ en somero".

En L.R. 13, Zamenhof skribas: "la rilaton inter *la* ambaŭ komplementoj". En L.R. 26, "ĉar ĉiu el *la* ambaŭ". Supozeble do estus, ke oni povas uzi la artikolon kun "ambaŭ". Sed al D-ro Zamenhof estas permesate, kiel al ĉiu alia homo, ŝanĝi sian decidon, kaj tion li efektive faris. Legu kion li diras nun (L.R. 54): "Kvankam mi ofte uzis la formon *la ambaŭ*, tamen mi opinias nun, ke pli logike estas uzi la vorton *ambaŭ* sen artikolo". Ĝisostuloj, opiniu tiel same!

En "The British Esperantist" Aŭg. 1913, vi trovos trafan kaj legindan artikolon de S-ro George Gordon pri Esperanta tradukado; en ĝi oni tuj rekonas studanton de "Lingvaj Respondoj" kaj veran "ĝisostulon"!

En la sama numero aperas "Lingva Klarigo al Demandantoj" el "Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu" 1912—artikolo tre leginda pri la malbona kutimo uzi akuzativon post "ĉe".

*Sugestii.*—Ne uzu ĉi tiun verbon en la simpla senco de "proponi", "rekomendi", aŭ "konsili".

*Oferi.* — Ne diru "oferi" anstataŭ "proponi". Oni proponas aŭ prezentas la brakon al fraŭlino; oni oferas sian vivon (kelkfoje). "Oferi" signifas "to sacrifice", germane "opfern"; "proponi" signifas "offer", germane "anbieten". Jen tri Zamenhofaj frazoj: "nenia ofero estus tro granda", "mi oferis miajn plej bonajn jarojn", "mi esperas, ke la leganto oferos al ĝi iom da pacienco". Sed "ĉu mi povos *proponi* al vi ostrojn"?

*Prosperi.*—Inter "prosperi" kaj "sukcesi" estas diferenco. Ne diru "mi prosperis fari", sed "prosperis al mi fari", aŭ "mi sukcesis fari".

*Finota.*

# OFFICIAL NOTICES

*President :* P. L. Wright.
*Hon. Secretary :* Bernard Long, B.A.
*Hon. Treasurer :* W. A. Gething, B.SC.
*Secretary :* R. W. Wilkinson.
*Propaganda Secretary :* M. C. Butler, M.R.S.T.

### NEW MEMBERS.

| | |
|---|---|
| Allison, Mrs. Ethel | *London, S.E.*19. |
| Arnold, Ray T. | *Riverside, California.* |
| Bellatti, Mrs. I. | *W. Wickham.* |
| Bennett, William | *Bradford.* |
| Boulton, N. V. | *Bromley.* |
| Buckley, Frank | *Bristol.* |
| Carey, Mrs. E. | *Sevenoaks.* |
| Chesham, Guy | *Sheffield.* |
| Cook, Mrs. C. | *W. Wickham.* |
| Cooper, Mrs. H. | *Bromley.* |
| Cooper, Miss R. | *Bromley.* |
| Copeland, William M. | *Wakefield.* |
| Ede, Miss K. | *Bromley.* |
| Evans, Annie E. | *Woolstanwood, nr. Crewe.* |
| Evans, George E. | *Liverpool.* |
| Gladstone, Margaret | *Halifax.* |
| Green, Kenneth W. H. | *Southampton.* |
| Harriss, Ian K. | *London, W.*2. |
| Hazzlewood, John | *Mirfield.* |
| Henderson, John G. | *Sunderland.* |
| Hendrickx, Eugenie | *Otford.* |
| Jones, Francis J. | *London, E.*13. |
| Kennard, Miss J. | *W. Wickham.* |
| Miller, M. E. | *Norwich.* |
| Olympio, Charles U. | *Port-Gentil, F.E. Africa.* |
| Osborn, Peter R. | *Leeds.* |
| Owen, Dilys O. | *Ellesmere Port.* |
| Paterson, John | *Dundee.* |
| Pattinson, Irene | *Bradford.* |
| Pilcher, Miss E. M. | *St. Leonards-on-Sea.* |
| Popplestone, Mrs. Ethel | *Liverpool.* |
| Robotham, Olive | *Stockton-on-Tees.* |
| Smith, Louis H. J. de | *London, S.W.*10. |
| Symonds, Edward | *Grasmere.* |

### NEW DELEGATE COUNCILLORS.

**Dundee :** J. Paterson.
**Welwyn Garden City :** C. G. Chinn.

### NEW LOCAL DELEGATES.

**Brighouse :** Rev. A. J. Ashley, St. John's Vicarage, Rastrick, Brighouse.
**Chester :** D. Williams, 25 Sefton Rd., Newton by Chester.
**Douglas (I.O.M.) :** T. P. Fargher, Greeba, Park Ave., Douglas.
**Romford :** W. Jolley, 22 Cranham Road, Romford.
**Southend-on-Sea** (VD.) : F-ino G. H. Moxon, 43 Sandleigh Rd., Leigh-on-Sea.

### NEW AFFILIATED GROUPS.

**Finchley, N.3.**—Secretary : F-ino E. Mallett, 54 Grove Rd., N.12.
**Newport, Mon.**—Secretary : S-ro W. E. Powell, 66 Barrack Hill, Newport.
**Sunderland.**—Secretary : S-ro J. Hindson, 34 Hendon Valley Rd., Sunderland.

### DONATIONS TO B.E.A. DURING MARCH, 1936.

*General Funds :* B. P. Megahy, £2. 10s. ; F. G. Russell, 16/– ; Dowager Countess of Castlestewart, C. B. Goulden, E. Whitley, 12/– ; J. C. Hornor, 11/– ; E. W. Sloper, 5/6 ; W. Anthony, E. H. Lawton, H. O. Schofield, 5/– ; E. R. Mitchell, R. Stevenson, 4/– ; W. E. Garland, 1/–.

*Motor Car and Propaganda Fund :* B. P. Megahy, £2. 10s. ; St. Helen's Esp. Soc., 6/3 ; Preston Esp. Soc., E. W. Sloper, 5/6 ; Rev. H. M. Jackson, F. J. Williams, 5/– ; G. Bury, 4/9 ; G. Bevan, E. H. Lawton, 4/– ; Miss A. G. Caldwell, 2/6 ; Miss M. S. Rutter, 2/– ; S. A. Andrew, 1/11 ; R. Green, 1/–.

### GUARANTEE FUND, 1936.

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged .. .. | 199 | 17 | 0 |
| Davies, W., Swansea .. .. | 1 | 1 | 0 |
| Fox, Miss E. H., Howsham .. .. | | 5 | 0 |
| Joseph, J. R., London .. .. | 2 | 0 | 0 |
| Muir, Miss E. S., Edinburgh .. .. | 1 | 0 | 0 |
| Redding, C. S., Doncaster .. .. | | 10 | 0 |
| Sales, Miss R. A., London .. .. | | 5 | 0 |
| Samuel, Mrs. M. T., London .. .. | 1 | 1 | 0 |
| | £205 | 19 | 0 |

Further guarantees will be gratefully received.

### JUBILEE FUND.

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged .. .. | 538 | 15 | 4 |
| Miss M. Whittam, San Francisco .. | | 7 | 0 |
| B. P. Megahy, Preston .. .. | 5 | 0 | 0 |
| A. W. Leftwich, Alford .. .. | | 10 | 0 |
| Mrs. E. Anderson, Bagshot .. .. | | 10 | 0 |
| Miss D. Perry, E.17 .. .. | | 10 | 0 |
| Esperantisto 8820 .. .. .. | 25 | 0 | 0 |
| Bromley Esperanto Soc. .. .. | 5 | 0 | 0 |
| Southend Esp. Soc. Bazaar .. | 16 | 0 | 0 |
| | £591 | 12 | 4 |

### B.E.A. EXAMINATIONS.

**Diploma :** *Nigel Hector Clurry Macpherson, D. Smellie, *Glasgow ;* Robert Duncan Gray, Jane Douglas Bald, Annie Dewar Bald, Victoria Betsy Frances Weir, *Edinburgh.*

**Preliminary :** *Alexander Macdonald, *Alexander Wood, Hugh L. MacDonald, William R. MacDonald, Beatrice O. Hawken, Elizabeth Arndle, Agnes Lochrie, *Paisley ;* *Euphemia Wilson, *Mary Matheson, Agnes C. Mitchell, *Glasgow ;* Winifred M. White, *Clarkston ;* Mary J. A. Brown, *Clydebank ;* Eileen Conroy, *Edinburgh.*

* *Denotes distinction.*

### EXECUTIVE COMMITTEE MEETING.

April 6th, 1936. Present : The Hon. Secretary (in the chair), The Hon. Treasurer, Miss Blake, Miss Davey, W. M. Goodes, W. H. Matthews, A. C. Oliver, R. Robertson, F. E. Wadham. In attendance : The Secretary, the Propaganda Secretary, Mr. Wilkinson.

The Hon. Secretary reported that following Mr. Goldsmith's appointment as Director of U.E.A. he had arranged for Mr. Wilkinson to take office as B.E.A. Secretary as from May 1st. The Propaganda Secretary reported on a very successful tour in the North, details of which are given elsewhere. Much routine business was transacted.

CECIL C. GOLDSMITH,
*Secretary.*

### MORTO.

**F-ino A. Arnold,** en Ashley, Malvern Wells, Worcs., en marto. Membro de B.E.A. dum multaj jaroj. Ni kondolencas kun la geparencoj.